# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

JANUARO-1911-FEBRUARO

Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente

REDAKCIO--RUA SETE DE SETEMBRO N. 195

RIO DE JANEIRO — BRAZILIO



## ENHAVO



Rio de Janeiro--Brazilio

## GRUPOJ ESPERANTISTAJ

1906.—Marto—"*Suda Stelaro.*" Campinas—Ŝtato S. Paŭlo. Prez. Ingº Tobias R. Leite.

Junio—*Brazila Klubo "Esperanto"*.—Rua Sete de Setembro, 195.—Rio de Janeiro. Prez. Majoro Lauriano das Trinas.

1907—Majo—*Esperanta Petropolisa Grupo*.—Petropolis. Prez. Dr. Jacome Martins Baggi de Araujo.

Septembro — *Esperanto Klubo* — Aracajú — Ŝtato Sergipe. Prez. D-ro Alcibiades Corrêa Paes.

1908.—Marto—*G. E. de Bom Jardim*.—Ŝtato Rio.—Prez. João Alfredo Desiderio Combat.

Junio.— *Brazila Espero*— (Virina grupo). — Campinas. Ŝtato S. Paulo. Prez. Fino. Julia Moreira Dias.

1909.—Marto.— *Esperantistinaro*.— Guaratinguetá. Ŝtato S. Paulo. Prez. Sino Maria Antonietta Milliet.

Aprilo.—*Grupo «Zamenhof»*. — Queluz. Ŝtato S. Paulo. Prez. Pedro Theophilo Teixeira.

Junio. — *Alagoas Esperanto Klubo.* Ŝtato Alagoas. Prez. Ingº Antonio Carlos de Arruda Beltrão.

Julio.—*Norda Matena Stelo*.—Tamoyos n. 41 B. Belem, Ŝtato Pará. — Prez. D-ro Nuno Baena.

1910.—Julio. — *Grupo Esperantiste de Juiz de Fora*.—J. Fóra. Ŝtato Minas Geraes. Paulino Bandeira.

Novembro.—*Grupo Esperantista de Bahia*. Ŝtato Bahia. Prez. Koronelo Deraldo Dias.

Ni publikigas nur la nomojn de l' grupoj. kiuj aliĝis al B. L. E. aŭ helpis Brazilan Esperantiston.

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

Unuiĝo kreas forton

A Brazila Ligo Esperantista (Liga Esperantista Brazileira) cuja directoria é annualmente eleita pelo Congresso, tem por fim dirigir a propaganda do esperanto no Brazil em questões de interesse geral, proceder a exames de esperanto, dar diplomas de professores, auxiliar os grupos e representar em qualquer emergencia a opinião dos esperantistas brazileiros.

Séde—Rio de Janeiro, rua Sete de Setembro, 195.

Cotisação annual. Cada grupo que adherir paga 10$ por anno e elege um delegado, de preferencia residente no Rio de Janeiro. Pode o Grupo escolher mais de um delegado, pagando nesse hypothese 10$ por cada um.

Qualquer pessoa pode isoladamente adherir á Liga, pagando a annuidade de 5$. Não ha joia.

Vantagens. Os grupos que adherirem á Liga gozarão das seguintes vantagens:

*a)* Recebem o «Brazila Esperantisto» para os socios com abatimento de 20 % do preço da assignatura annual;

*b* Por intermedio dos seus delegados são informados das decisões da Directoria da Liga nas quaes tomam parte;

*c* Gozam de Abatimento nas edições da Liga e nas encommendas que por meio della fizerem de quaesquer obras esperantistas;

*d* Recebem da Liga todo o auxilio que esta lhes puder prestar, em beneficio da propaganda e diffusão do esperanto;

*e* Podem publicar no orgão official da Liga informações mensaes sobre o movimento esperantista local.

Nota.—*A Liga não intervem em assumptos referentes á vida interna dos grupos filiados, podendo estes agir livremente de accordo com os fins para que foram creados.*

Das vantagens *c*, *d* e *e* gozam tambem as pessoas que adherirem isoladamente á Liga, as quaes recebem o Brazila Esperantisto».

A relação dos grupos filiados e das pessoas que adherirem á Liga será publicada no «Brazila Esperantisto» e no «Brazila Adresaro» a apparecer brevemente.

Chamamos a attenção das directorias dos grupos esperantistas e de todos os bons *samideanoj* maximé os que não fazem parte de grupos locaes, para a conveniencia da adhesão á Liga, conforme o voto emittido pelo 3º Congresso Brazileiro de Esperanto.

As pessoas que desejarem adherir á Liga devem dirigir-se ao sr. Edmundo Tribouillet, thesoureiro, rua Sete Setembro, 195. O remettente receberá o cartão de membro da Liga, e o «Brazila Esperantisto.»

Quanto á adhesão dos grupos e demais informações, dirigir-se ao Sr. J. B. Mello Souza, 1º Secretario, rua Sete Setembro 195.

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA
BOLETIM DE ADHESÃO
1911

*Nome*..........

*Profissão*..........

*Endereço*..........

..........

*Data e assignatura*..........

..........

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

3-a. *Jaro* JANUARO - 1911 - FEBRUARO *Numero* 7-8

| JARABONO | Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente | Specimeno 0,fr 50(0,Sm20 |
| --- | --- | --- |
| En Brazilio 3$000 | REDAKCIO -- RUA SETE DE SETEMBRO, 195 | Num. avulso 300 réis |
| Eksterlande 5.fr. (2, Sm.) | RIO DE JANEIRO — BRAZILIO | Helpabono 10$000 |

## Datreveno de Dr-o Zamenhof



En la mezo estas la fama verkisto kaj deputato Coelho Netto
(Kliŝo de "Revista da Semana")

## Datreveno de Dr-o Zamenhof

La 15[an] de Decembro, je la sepa nokte, ĉe Hotelo Parizo, komenciĝis la vespermanĝo por solenigi la datrevenon de Dr-o Zamenhof. Antaŭ la tablo bele ornamita per bonodoraj floroj sidis 25 kunmanĝantoj, inter kiuj la fama verkisto kaj deputato Snr[o] Coelho Netto. Alia klera deputato Snr[o] Dunshee de Abranches, kiu promesis partopreni la vespermanĝon senkulpiĝis per letero.

La sekretario de l'*ĉurasko*, la simpatia ruso Snr[o] José Michulovich, legis sian raporton pri la lasta tagmanĝo en Leme, kaj estis aplaŭdita post ĝia fino. Snr[o] Couto Fernandes legis telegramon ricevitan de Snr[o] Paulino Bandeira, prezidanto de l'grupo de Juiz de Fóra, la urbo de l' 4[a] Kongreso, kiu sciigas pri sia nevola foresto al la *ĉurasko*.

Snr[o] E. Backheuser salutis kun entuziasmo al Snr[o] Coelho Netto, certigante al li pri la grandega ĝojo, kuin kaŭzis al la esperantistaj koroj lia ĉeesto al tiu modesta festo. Tuj poste leviĝis

Snr. Coelho Netto kaj faris poetan paroladeton,elmontrante plian fojon sian simpation al la bela kreitaĵo de Dr-o Zamenhof. Finante li transdonis al S-ro Alekso Fanzeres, la feliĉa gajninto de l' unua premio en la konkurso de Gazeta de Noticias, lukse binditan libron enhavantan tri verkojn de nia majstro.

Tiu sinjoro vere kortuŝita dankis per malmultaj vortoj la premion ricevitan. Poste oni faris balotadon por la elekto de la legonta sekretario, kiu estas Snr. Pedro Alvares Coutinho kaj fine Snr. Mello e Souza levis la honoran toaston al Dr-o Zamenhof, kiu estis longe aklamita.

Post la vespermanĝo la ĉeestintoj iris al la *Kinema Kosmos*, kie ili vidis filmon kun la portreto de Dr-o Zamenhof kaj aŭdis la himnon " Espero " kantitan de fraŭlino kun akompano de orkestro direktita de nia bona amiko Quirino de Oliveira. Belega festo!

Jen estas la nomaro de l'partoprenintoj:

Deputato Henrique Coelho Netto, sinjorinoj Amelia Santos e Irene A. Santos, fraŭlino Violeta Viçosa Neves, Snoj José Michulovich (ruso) Everardo Backheuser, Alberto Couto Fernandes Lauriano das Trinas, Manoel Portilho Bentes, Querino de Oliveira, José Santos Filho, J. B. Mello Souza, Alberto Lobo, Alberto Tavares, Agenor A. de Miranda, Hernani Mendes, Alekso Fanzeres, Pedro Alvares Coutinho, Honorio Leal, Arminio de Moraes, E. Felix Tribouillet, Luiz de Sá Perdigão, Luiz Alberto Rocha, Israel Franca e Severino Soares de Freitas.

## VII Congresso Internacional de Esperanto

Em Antuerpia, a linda cidade belga escolhida para séde do 7· Congresso Internacional de Esperanto trabalham activamente os nossos samideanos afim de que esse Congresso obtenha o maìs grandioso e insuperavel exito.

E desde já se pode affirmar, sem erro que tal acontecerá, O *Sepo por la Sepa*, ou commissão organizadora do Congresso, da qual é secretario o conhecido esperantista Snr. Van der Biest (Muiderbroedersrui 76, Antuerpia) já tem editado bellas brochuras de propaganda com vistas da cidade, boletins de adhesão, sellos e cartões postaes commemorativos, um interessante *Kongreslibro* e a comedia *Kaatje*, de Paul Spaak, traduzida pelo Snr· Van der Biest e que será representada durante o Congresso.

O programma das festas ainda não está definitivamente estabelecido. Sabe-se, porem, que a Universala Esperanto Asocio resolveu effectuar na mesma occasião o seu 2· Congresso annual e que o mesmo farão outras associações esperantistas internacionaes, o que concorrerá para augmentar o numero de congressistas em Antuerpia. Já enviaram suas adhesões mais de 300 esperantistas, numero esse que cresce dia a dia. E', com effeito, de esperar que o Congresso seja concorridissimo, attenta a favoravel posição da cidade proxima dos paizes onde a propaganda tem sido feita com maior efficacia.

Posteriormente forneceremos mais detalhadas informações sobre o VII congresso ao qual, segundo nos consta, assistirão varios brasileiros. entre os quaes os Srs. Medeiros e Albuquerque, João Keating e Agenor de Miranda.

O cartão de adhesão custa 5 Sm e, bem como as demais publicações referentes ao Congresso, deve ser pedido ao Sr Van des Biest, secretario do Sepo por la Sepa.

## KONKURSO

En la pasinta jaro, okaze de l' tre b ne sukcesinta 3 a· Brazila Kongreso de Esperanto la organizantoj decidis peti de niaj plej konataj literaturistoj ilian op nion pri nia internacia lingvo Esperanto.

Kiel oni scias, tiuj opinioj aperis kun informoj pri la movado esperantista en aldono de unu el la plej gravaj tagaj ĵurnaloj de Rio de Janeiro, «Gazeta de Not.cias», sed, bedaŭrinde, la opinio, de n a lerta fabloverkisto S-ro Coelho Nett› venis malfrue kaj ne povis esti publikigata

Tamen, la sekretario de la nomita ĵurnalo v dante ke la respondo de s-ro Coelho Netto, krom esti tre grava kaj oportuna, estas ankaŭ peco vere bela kaj literatura demand s ĉu ne estus bone fari, per Gazeta de Not cias, konkurson por la traduko de tia peco.

Komprenehle oni konsentis tre bonkore kaj la konkurso estis anoncita

Al tiu provo de Esperanto, ĉar la teksto estis malfaciltraduka literaturaĵo, konkursis 58 bonaj tradukoj

La sama ĵurnalo elektis kiel juĝontojn sinjorojn Couto Fernandes, ano de Lingva Komitato,kaj Reyna do Geyer, kandidato prezent ta de la 3a· Brazila Kongreso al tiu Komitato.

El la juĝo rezultis la jeno:

1.a PREMIO

S-ro A'ekso Fanzeres (Igo)—T. D. Mathilde 10 –Rio de Janeiro

2.a PREMIO

D-ro Haroldo Amaral ( kuniklo nepo dua) —rua Bento Freitas n. 36 – S. Paulo;

Kaj S-ro G l de Azevedo (Lig) -Boa Esperança—Minas Geraes.

3.a PREMIO

F-ino Julieta Mello Souza (Mallerta esperantistino) Guarat ngueta, S. Paulo;

Kaj S-ro D-ro Alcibiades Correa Paes (Augusto Ludoviko)—Aracajù, Sergipe.

Rajtis honorajn menciojn la konkurantoj, kies pseŭdonimoj estas :

Iluzio, La Forgesito, Humila Samideanino, Quidam, Petro Aquila, Juna Esperant stino Sergipana, Marc a C , Pedro Varsovia, Ruĝa Ĉapeto, Sunradio, Trafcelant no, Esperanto venkos, kaj Impavidi Progrediamur.

Dum la Ĉurasko dediĉita al la datreveno de nia Majstro, S-ro Coelho Netto donis la unuan premion al la gajninto, s ro Alekso Fan eres lin dankante pro la traduko, kiun li trovis tre belsona.

Laŭ la koudiĉoj ni publikigos en la estonta numero la plej bonan tradukon.

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Laŭ la voĉdonado de la Delegitoj la Komitato de U, E. A. por periodo 1910-1912 konsistos el s-roj *H. Bolingbroke Mudie*, London; *Th. Rousseaú*, Dijon; *P. Blaise*, London: *A. Carles*, Boziers; *D—ro M. Kandt*, Bramberg; *P. Linares*, Cordoba; *Ed Privat*, Paris; *F. Rockmann*, Magdeburg; *J Schmid*, Bern; *St. Szabunieivicz*, Moskvo;—Vickomitatanoj ( anstataŭantoj ) *D-ro A. Stromboli*, Genova; *V. A. Vogler*, Hamburg.— La Komitato faris poste la jenajn elektojn; *S—ro H. Bolingbroke Mudie*, pre idanto de U. E. A.; *s—ro Ed. Sletiler*, Vicdirektoro kaj financa fakestro.

*La Oficiala Jarlibro de U E. A. por 1911* ĵus aperis. Ĝi formas belan volumon da 152 paĝoj kaj enhavas plenajn informojn pri U.E.A.,ĝia historio, ĝia organizo,ĝiaj servoj,la kompletan liston de la Delegitoj, Oficejoj kaj Esperantistaj Entreprenoj kun utilaj informoj pri ili. Du geografiaj kartoj estas aldonataj, kiuj montras la divastiĝon de U. E. A. Tiu Jarlibro, kiun nepre devas posedi ĉiu Esperantisto, estas senpage sendata al ĉiu membro de U. E. A. paginta sian kotizaĵon por 1911.

Okaze de la granda *internacia aviadâ konkurso*, organizata de la franca gazeto "Le Journal" kun diverslandaj societoj, U. E. A. konsiderante la gravecon de tiu manifestado por la plifaciligo de la interhomaj rilatoj, aranĝis monkolekton por la donaco de medalo kun Esperanta surskribo al la sukcesinta aviadisto, se eble Esperantisto. Jam multaj ĉiulandaj personoj sendis donaceton por tiu monkolekto, kiu restas ankoraŭ malfermata. Ĉiuj donacoj, eĉ malgrandaj, estas danke akceptataj. (Sin turni al "Esperantio" rue de la Bourse, Geneve—Svisujo). Ne tiom estas grava la alteco de l'monsumo, kiom la multeco kaj internacieco de la donacantoj.

*La dua Kongreso de U. E. A.* okazos en Antverpeno, de la 27 ĝis la 30 de Aŭgusto 1911 t. e. tuj post la Esperant'sta kongreso, de kiu ĝi estos memstara. La celo de ĉi tiu Kongreso estas ekzamenado de la plenumita agado kaj fiksado de la laboroj por la venonta jaro. La kongreskotizaĵo estis fiksita nur je Sm 2.—(kun la oficialaj documentoj) Krom tio la personoj, kiuj ne povas ĉeesti je la Kongreso, sed deziras ĝin helpi kaj ricevi la Kongresan Dokumentaron povas aliĝi kiel Helpkongresanoj pagante Sm 1. —.Oni povas aliĝi tuj de nun.

(Oficiale komunikita).

## Povo de Dio

Al D[ro] Couto Fernandes

Tra tuta la mondo facile ni vidas
Malvirton kaj pekon regnantajn en koroj;
Kaj tiel homaro ĝojiĝas kaj ridas,
Vidante gajecon kaŭzitan de l'floroj.

Sekrete malbono okupas animon,
Kaj tuj ĝin devigas obei per forto,
Kaŝante per sia ĉeesto la limon
De l'vivo de l'homo kaj tiun de l'sorto.

Feliĉe ekzistas en mondo kaj ĉie
Tre saĝa vidanto, per kiu homaro
Alvenos la lokon de venko kaj kie
La povo elvokas potencon de l'maro.

Sed ĉu estos eble al ni ĉiuj vidi
Sur tero ĉi tiun potencan estaĵon,
Per kiu homaro esperas sin gvidi,
Venkante danĝeron kaj malfacilaĵon?

Kuraĝe ni povas eldiri la nomon
Tre sanktan kaj puran de Dio povanta
Per kiu homaro alvenos la domon,
En kiu neniu montriĝos pekanta.

*Benjamin Colucci.*

## 1911!...

Estas unu lingvo en la mondo
Simpla, bela sona kaj fleksebla
Per la lingvo tia homa rondo
Estas familie kunigebla.
Rekte nomon de la lingvo montras
Oro de l' literoj ĉefstarantaj
Nu do estu ĝi en la nova jaro
Tutsukcesa kaj la esperantaj
Ondoj dispolviĝu ĝiaj baroj.

ARNO HOWARD.

## RAKONTETO PRI MISTIFIKO LUDITA SUR LA LONDONANOJN

En la 1749[a] jaro, Lia Duka Moŝto Montagu, kiu estis tre ŝerca, ĉeestis foje aron da personoj, kies interparolado pritraktis la sciivolemon kaj kredemon de la loĝantoj de l' ĉefurbo de

Anglu'o. La duko insistis, ke, se iu ajn sciigus, ke *li* sin enmetus en botelon de vino, ekzistus malsaĝuloj sufiĉaj por plenigi teatron kaj kiuj pagus sian monon en la espero, ke ili tion vidos. Kelkaj de l' aro neis, ke la angloj estas tiel malsaĝaj, kaj la Duko proponis veton, ke li tion elmontrus kaj ke li plenigus teatron, anoncante tian ekspozicion. Oni akceptis la veton, kaj Lia Moŝto tuj publikigis en la gazetaro:

"Fojna-Vendeja Teatro. La proksiman lundon, 16an de ĉi tiu monato, ia persono efektivigos la jenajn nekredindaĵojn. Unue, *li* prenos vulgaran bastonon de iu ajn el 'a rigardantoj, kaj naskos el ĝi la sonon de ia ajn konata muzikilo. Due, *li* montros al la ĉeestantaro vulgaran botelon de vino, kiun ili povas ekzameni por konstati, ke ne ekzistas trompo; tiam *li* metos ĝin sur tablon antaŭ la scenejo, kie, je l' inspekto de ĉiuj ĉeestantoj, *li* sin enmetos en ĝin, kaj, dum *lia* tiea restado, *li* kantos kelkajn popularajn kantaĵojn. Dum *li* restos en la botelo, ia ajn persono povos manpreni ĝin, por konvinkiĝi, ke ne eksistas trompo.

"Grava rimarko.—La personoj en la loĝiojn povos veni sub maskoj, kaj la aktoro (se ili tion deziros) sciigos, kiuj ili estas.

"Enirpagoj.—Scenejo, po 7 ŝilingoj kaj 6 pencoj.—Loĝioj, po 5 ŝ.—Partero, po 3 ŝ.—Galerio, po 2 ŝ.—La prezentado komencos je duono de l' sepa."

Alvenis la nokto, kaj antaŭ la sepa la teatro estis tute plena. En la loĝioj oni vidis dukojn kaj dukinojn, kaj altrangajn personojn ambaŭseksajn; kaj en la ceteraj partoj de l' domo, rigardantojn ĉiuspecajn.

Post longa atendado, aperante nenia aktoro, la ĉeestantoj fariĝis bruantaj, kaj ia persono supreniris la scenejon sciigi, ke, se la prezentanto ne alvenos la mono estos redonita. Ili atendis iom plu; kajposte la ĝentila parto de l'ĉeestantaro foriĝis, sed la ceteraj restadis; kaj, ekvidante, ke ili estis trompitaj, ili tuj komencis detrui la internon de l' teatro. Oni dispecigis la benkojn, la ornamaĵojn kaj aliajn meblojn, kiuj estis portataj straten kaj tie bruligataj. Regimento da soldatoj alvenis, sed malfrue por ion savi. Lia Duka Moŝto Montagu, kiu estis dunginta la teatron por la okazo, estis devigata elpagi la malgajnon efektivigitan, sed li gajnis la veton, kiu estis altvalora.

(*El angla lingvo tradukis Dr-o Alcibiades Paes*)



## FABLOJ

### LA MUŜO KAJ LA ĈARO

Iam mulo tiradis ĉaron, kiu estis tro peza. La vojo estis plena de ŝtonoj kaj fosaĵoj, kaj la mulo ŝvitis, duobligante la penon kaj ricevante page la vipfrapojn de l'mulisto. Muŝo, kiu tiam sidis sur la kapo de l'besto, kompatis al ĝi kaj diris ĉe ĝia orelo: "Kompatindulo, mi senigos vin je mia pezo kaj vi povos facile tiri la ĉaron".

*Moraleco.* Kiom da personoj, havante la gravecon de la muŝo, havas similan tromemfidon!

———

### LA SUNO KAJ LA RANOJ

Iam kuris famo pri la proksima edziĝo de l'suno. Tuj la ranoj timegis kaj multobligis la preĝojn, por ke tio ne okazu. "Unu sunon jam kostas al ni toleri; ĉe ĝia ĉeesto la marĉetoj kaj la marĉoj sekiĝas; malfacile ni povas trovi iun aŭ alian kaŝtruon, kie estas iom da malvarmeto aŭ da malsekeco; kio okazos se, edziĝinte, ĝi havos idojn?

*Moraleco.*—Esta sprudente eviti, ke la malbonuloj multobliĝu.



## PROVERBOJ

Komenco bona—laboro duona.
Nur tiu ne eraras, kiu neniam ion faras.
Espero panon ne donas.
Kiu ne riskas, tiu ne gajnas.
Li neniam venkis la alfabeton.
Mano manon lavas.
Sen laboro ne venas oro.
K.a demando, tia respondo.
Kiu semos venton, rikoltos fulmotondron,
Virino scias—tuta mondo scias.
Bona ĝloro pli valoras ol oro.
Malsata stomato orelon ne havas.
Amo kaj puno loĝas komune.
Pli bona amiko intima, ol parenco malproksima.
Malriĉulo parencojn ne havas.
Homo proponas, Dio disponas
Najbaro ne ĝemas, kiam boto nin premas.
Griza barbo saĝon ne atestas.
Esti inter martelo kaj amboso.
Esti en Romo kaj ne vidi 'a Papon.
Se stomako doloras, kapo laboras.
Malfeliĉo malofte venas sole.
Plej bone ridas, kiu laste ridas
Kiom da kapoj, tiom da opinioj.
Kritiki estas facile, fari malfacile.
La muro havas orelojn
Se okulo ne vidas, koro ne avidas.
Pri gustoj oni diskuti ne devas.
Konstrui kastelojn en aero.
La fino kronas la verkon.

(El Proverbaro Esperanta de D-ro L L Zamenhof.)

# Maljunaj geedzoj

Paro geedza kun blankaj jam haroj
Vivis en sia malgranda domaĉo;
Estis sub pezo de preskaŭ cent jaroj,
Nutris sin jam nur per lakto kaj kaĉo.

Ili vivadis kontentaj, feliĉaj,
Vivon agrablan kaj tre harmonian,
Ĉar, kvankam ili ne estis ja riĉaj,
Amis korege la unu l'alian.

Pacon ilian nur maltrankviligis
Unu timata ideo kaj vorto:
Zorgo malgaje la vangon paligis,
Kiam la duo parolis pri Morto.

Diras la edzo: "Ho, mia plej kara !
Morton mi vidas en mia imago;
Mia vivaĝo jam estas centjara,
Morti mi devos je kiu ajn tago".

Diras la maljunulino kun ploro:
"Ha, vin mortintan mi vidi ne povos!
Certe en mi tuj sin rompus la koro;
Min do unue la Morto forblovos".—

"Mia edzino, mi baldaŭ jam mortos,
Antaŭ ol vi, ĉar malsana mi estas".—
"Ne, maljunulino, la Morto deportos
Min pli antaŭe; ĉi dubo ne restas".

Tiel la du ripetadis, dirante
Ĉiu, ke morti l'unua ĝi volas,
Kiam subite, je l'pordo frapante,
Iu aperas kaj tiel paro as:

"Venu malfermi kaj ĝoju je l'sorto!
Certe vi ĉiam kunesti deziros.
Venu malfermi, mi estas la Morto;
Kune vi mortos, neniam disiros".

Diras la viro: "Malfermu, edzino,
Mi mem ne povas, pro mia malsano".
Tremas, balbutas la maljunulino:
"Ha, mi timegas je ĝia ostmano"!

Ambaŭ neniun vorteton plu diris,
Ambaŭ rapide sub lito sin kaŝis,
Fine la Mort' per fenestro eniris,
Ilin eltiris, kun ili forpaŝis.

Francisco Valdomiro Lorenz.

## NOVAJ GAZETOJ RIGEVITAJ

**Monato**. Gazeto esperanta ricevebla per Eldonejo Esperanto Aŭgustenstr. 17 pr, Leipzig. Germanujo. Jarabono. Sm. 2.

**Malgranda revuo**. Esperanta monata literatura propagandrevuo. Oficiala organo de Esperantista Grupo Hernani Mendes. Redakcio: S. José dos Campos—S. Paulo. Brazilio. Jarabono. 2 Sm.

**Internacia Medicino**. Oficiala organo de la Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio « Teka ». Kotzschenbroda - Dresden-Germanujo—Jarabono Sm. 3.

**La Dek-sepa**. Bulletin Mensuel Espérantiste de la Section du XVIIe Arrt du Groupe Espérantiste de Paris. H. Coppet, 179, Boulevard Pereire, Paris. Jarabono, Fr. 1

**Fervoja Esperantisto**. Dumonata gazeto, organo de Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj. Centra Presejo Esperantista, 33, rue Lacépède, Paris. Jarabono. Sm 1.

**Danubo**. Organo de la Rumanaj kaj Bulgaraj Esperantistoj. Internacia gazeto redaktata nur en Esperanto eliranta post la 15a de ĉiu monato, 5, Strato I. C. Dratianu, Bucarest-Rumanujo. Jarabono Sm. 1,40.

**La Idealo**. (Ni laboru por ĉio granda kaj nobla). Cucuta—Colombia—S. A.

**Gabelsberger**. Internacia Stenografia gazeto, organo de la Internacia Stenografia Ligo "Gabelsberger". Redaktoro: Dr. Schramm, Dresden 20. Germanujo. Jarabono. Sm 1,50.

## KRONIKO

ŜTATO PARA.—Bele okazis la inaŭguracio de kurso de Esperanto ĉe *Union Española de Socorros Mutuos*. La salono simple sed elegante ornamita, pleniĝis de sinjorinoj kaj fraŭlinoj, kiuj, malgraŭ la malbona vetero, ĉeestis en granda nombro. Je la 9 1|2 nokte, malfermis la kunsidon la prezidanto d-ro Tito Franco, reprezentanto de senatano Antonio Lemos. D-ro Nuno Baena, per kelkaj vortoj, klarigis al la aŭdantaro la devenon de la lingvo kaj de la nomo Esperanto, ĝia facileco, utileco kaj interparolis en Esperanto kun la helpanto de la kurso, s-ro João Coral. Sekvis deklamo de poezioj en portugala, hispana kaj esperanta lingvoj, farita de kelkaj sinjoroj longe aplaŭditaj. Estis tiam fermita la kunsido de la reprezentanto de senatano Antonio Lemos kaj ili pasis al la bufedo, kie oni aŭdis tuj poste diversajn toastojn.

Post tio okazis dansoj ĝis la 3-a matene.

Unuvorte, estis belega festo, kiu multe plaĉis al ĉiuj ĉeestintoj.

La lecionoj de 'a nova kurso okazas mardojn, ĵaŭdojn kaj sabatojn de la 8-a ĝis la 9-a vespere. La profesoro estas d-ro Nuno Baena, — Oni esperas baldaŭan malfermon de alia kurso ĉe instituto Civico Juridico.

ŜTATO SERGIPE.—El letero de d-ro Alcebiades Corrêa Paes, kiu ĵus ricevis diplomon de profesoro aprobita de Esperanto, ni elĉerpis la jenon:

« Antaŭ kelkaj tagoj, mi estis feliĉa, ke mi ricevis la viziton de d-ro Arruda Beltrão, kiu, traveturante ĉi tiun Ŝtaton, pasigis preskaŭ unu semajnon tie ĉi, kaj kiu, haltinte pli longe en Estancia, unu el la plej gravaj urboj de Sergipe, kreis tie malgrandan centron da esperantistoj, interesigante je nia afero la ĉefurbon de l' lernejo " Tobias Barreto ", kie tiun ĉi jaron Esperanto komenciĝos esti lernata. Dum sia restado en Estancia D-ro Beltrão faris malgrandan trilecionan kurson, kiun akompanis interese kaj profite 14 personoj ambaŭseksaj. D-ro Beltrão disdonis librojn al ĉiuj novaj esperantistoj, kaj elektis por direkti kaj zorgi pri nia afero en la tiea urbo D-ron Josaphat Brandão, kleran kuraciston kaj profesoron ĉe lernejo " Tobias Barreto ". Tiamaniere, ke la esperanta movado jam havas sian iniciaton en la bela sudsergipa urbo, kiu estas konata kiel " la ĝardeno de Sergipe". En Laranjeiras nia afero iras tre bone. Nia amiko D-ro Moreno decidis prokrasti la starigon de l' Klubo anoncita. Li volas prepari esperantistojn, por starigi poste la klubon. Li havas multajn gelernantojn. Mi kredas, ke la klubo de Laranjeiras fondiĝos en la fino de l' nuna jaro. D-ro Moreno estas gravega probatalanto ».

ŜTATO BAHIA.—Jen estas la estraro de l' *Grupo Esperantista de Bahia*, kiu ĵus aliĝis a B.L.E.: Honora prezidanto—Ing· Everardo Bakheuser, prez.—Koronelo Deraldo Dias, sekretarioj: Affonso Costa kaj Abelardo Rodrigues Santo, kasisto —Ario Mario.

Laŭ la propono de S-ro Magnus Söndahl, estis elektita delegito de l' grupo apud B. L. E. S-ro Alekso Fanzeres.

RIO DE JANEIRO.—Je la 25-a kaj 31-a de Decembro lasta okazis ekzamenoj unuagradaj en la kursoj maltermitaj de Brazila Klubo « Esperanto» ĉe la *Modelaj Lernejoj* (oficialaj lernejoj); jen la nomaro de la geaprobitoj:

Modela Lernejo *Prudente de Moraes*, kurso de s-ro Alekso Fanzeres: Luiza Machado, Sylvia Lopes Rodrigues kaj Maria da Gloria Teixeira.

Modela Lernejo *Basilio da Gama*, kurso de s-ro Pedro Alvares Coutinho: Annita Dutra, Luiza Alvares da Silva, Eduardo Baptista Lott, Valentina de Sá Morand, Gilda Benevente Barbastefano kaj Gilda Hall Machado.

Modela Lernejo *Rodrigues Alves*, kurso de d-ro Alberto Couto Fernandes: João da Silveira Medeiros, Julia Keller, Carmen Neves, Carolina C. Bigi, Maria Carolina Brandão, Maria Mendes de Souza kaj Carmen de Barros Cavalcanti.

Modela Lernejo *José de Alencar*, kurso de d-ro A. Couto Fernandes: Hilda Cunha, George Stevens, Olga Côrtes, Carmen Côrtes, Adelia Monat, Irisbella Côrtes kaj Lucy Stevens.

Pro diversaj kaŭzoj, ne eble estis efektivigi ekzamenojn en la aliaj lernejoj.

La proksiman Marton, ĉe okazo de malfermo de la lernejoj, nun en ferioj, Brazila Ligo disdonos medalojn kaj aliajn premiojn al la novaj junaj gesamideanoj.

—En ses el la modelaj lernejoj kaj en diversaj privataj lernejoj, krom en teatro Gavea, oni ludigis de knabinoj, sur scenejo, *Marcha Internacional*, bela kompozicio de nia samideano Eustorgio Wanderley, speciale por la tria brazila kongreso de Esperanto. Tio estas poezieto kaj muziko en kiu la diversaj lingvoj, reprezentataj de knabinoj, laŭdadas la progresojn de Esperanto.

—La estraro de Komitato Esperantista do Districto Federal, por la nuna jaro, esta tiel organizita: Prezidanto, honora leŭtenanto João Pimentel da Conceição; vic-prezidantoj, profesoroj Alvaro Augusto Domingues Gomes kaj Jorge Gomes Pereira; sek-ĝenerala, leŭtenanto Victorino Manuel Costa; 1.ª sek. Alipio Leal; 2.ª sek. leŭtenanto João Manhães dos Santos Delgado; kas. Angelo Augusto Domingues Gomes.

Oni ankaŭ elektis reprezentantojn de la komitato kaj donis la titolon de honora prezidanto al d-ro Alberto Couto Fernandes, pro liaj grandaj servoj al Esperanto en Brazilio.

—*Gazeta Suburbana* daŭrigas publikigi artikolojn pri Esperanto kaj nun ĝi enhavas ankaŭ tradukaĵojn de rakontoj k. s. el esperanto.

—*O Amigo da Mocidade*, oficiala organo de Kristana Asocio de Junuloj en Brazilio, sciigas pri la kurso farata en ilia sidejo de s-ro Hernani Mendes.

—El privata letero de d-ro Nuno Baena, de ŝtato Pará al d-ro A. Couto Fernandes, ni prenis la jenon:

«... Per la vaporŝipo *Pará* ekveturos al S. Paulo la tre klera kaj simpatia profesoro João Pedro de Figueiredo, direktoro de la Instituto Civico-Juridico « Paes de Carvalho » kaj de la Municipala Instruado, kaj profesoro de la lingvo latina ĉe Gimnazio « Paes de Carvalho ».

Profesoro Figueiredo partoprenos la Kongreson de Instruado en S. Paulo kaj mi estas certa, ke li parolos pri nia afero ĉe la nomita Kongreso. Estas nur necese, ke li kunportu scii-

gojn, statistikojn, k. t. p., kiujn vi pli bone ol mi povas al li doni... »

—Vizitis nin s-ro José Bernardo de Martins Castilho, fondinto de la unua grupo esperantista de Pernambuko, en centra urbeto.

—Je lasta Januaro forveturis al nordo de Brazilio nia samideano koronelo Manoel Portilho Bentes, malnova esperantisto brazila. Al lia enŝipiĝo ĉeestis multaj samideanoj.

—Ankaŭ forveturis al Maranhão la klera deputato d-ro Dunshee de Abranches, kiu ĉe la Kongreso proponis monhelpon al nia Brazila Ligo. Ĝis la vaporŝipo lin akompanis multaj samideanoj kaj reprezentantoj de B. L. E. kaj de B. K. E.

—Ni ricevis kaj tre dankas sciigon pri la fondo de nova esperanta societo de diversaj anoj de la Kristana Asocio de Junuloj. Ni ĝoje vidas tiun entuziasmigan movadon de la Junuloj.

ŜTATO MINAS.—Por festigi la datrevenon de d-ro Zamenhof, okazis je Decembro lasta granda kunsido de Esperantista Grupo de Juiz de Fóra. Malferminte la kunvenon, s-ro Paulino Bandeira invitis por ĝin prezidi d-ron Eduardo de Menezes, honoran prezidanton, kiu faris belan paroladon. Post legado de la protokolo, parolis diversaj sinjoroj, sinjorinoj kaj fraŭlinoj kaj oni unuvoĉe aprobis proponon de s-ro P. Bandeira, ke oni sendu gratulan leteron al d-ro Zamenhof

Fermante la kunsidon, d-ro Menezes deklaris sin tre kontenta vidinte la fluecon kaj korektecon de la geparolintoj en esperanto malgraŭ la malgranda tempo da lernado, precipe de la fraŭlinoj, kiuj tiel elmontris la belsonon de nia lingvo parolata de junulinoj.

—La proksiman monaton la tieaj samideanoj propagandan ekskurson al ĉirkaŭaĵoj de la urbo.

—Regas granda entuziasmo en Juiz de Fóra pro la proksimeco de nia 4-a brazila kongreso de Esperanto, okazonta en tiu urbo dum venonta Aprilo kaj oni esperas belan sukceson.

—Estas nun tri kursoj de Esperanto en Juiz de Fóra, direktataj de sroj d-ro Benjamin Colucci, Joaquim Nascimento kaj Paulino Bandeira.

—Aliĝis al B. L. E. s-ro A. Caetano Coutinho, unu el la plej malnovaj esperantistoj en Brazilio kaj la aŭtoro de tre konata gramatiko Primeiras Lições de Esperanto,»

H. M.

# O ESPERANTO NO ESTRANGEIRO

INGLATERRA.—Muitos jornaes inglezes publicam constantes informações sobre o movimento esperantista. Por proposta do Snr. Boardman acaba de ser approvada a fundacção de um "Esperanto Press Club", que tem por fim inculcar ao povo britanico, atravez dos jornaes que lê, uma concepção pratica do que constitue e do que realisa o Esperanto.—Nosso infatigavel *samideano* Coronel Pollen fez em Norwich uma interessante conferencia sobre a vida de Zamenhof.—A importante firma Smith and Son, que possue depositos de livros e jornaes na maioria das estações de estradas de ferro, acaba de mandar collocar nelles as *Chaves de Esperanto de ĉefeĉ* de modo a chamar a attenção dos viajantes.

DINAMARCA.—Realisou-se em Agosto o congresso esperantista dinamarquez, tendo comparecido 110 *samideanos* de 14 paizes, entre os quaes reinou sempre o maior enthusiasmo.

RUSSIA.—O jornal "Vokrug Sveta", tendo mais de 30.000 assignantes, abrio uma secção especial para artigos não só sobre o movimento esperantista mas tambem em Esperanto.—Um instituto esperantista approvado pelo Ministro da Instrucção Publica acaba de ser aberto em Moscow. Cada alumno pagará mensalmente 4.25 sm. por licções semanaes.—Organisou-se em S. Petersburgo uma sociedade litteraria esperantista, cujo fim é editar um almanack periodico contendo exclusivamente obras originaes, bons manuaes e traducções de obras classicas. As obras para o almanack serão pagas pela sociedade. — Abrio-se em Odessa uma livraria especial esperantista.—A sociedade esperantista de Moscow fez-se representar no enterro de L. Tolstoi e collocou sobre seu tumulo uma coroa de flores com fita verde.— O distincto escriptor P. D Boborikin que já conhecia 7 inguas, estudou o Esperanto em uma semana!

FRANÇA.—Existem atualmente em Paris 76 cursos de Esperanto.--Para dar uma ideia dos progressos da lingua internacional nesse paiz basta notar que nas ultimas eleições realisadas para deputados diversos candidatos fizeram figurar em seus cartazes eleitoraes a promessa da introdução do Esperanto na instrucção publica. Para esse desideratum ja contam os esperantistas francezes com o appoio de 57 deputados.—Realisou-se em 13 de Novembro na cidade de Toulon o segundo congresso da Federação de Provença.—O Esperanto foi introduzido nas escollas de Lille em 1907 e desde então annualmente realizam-se exames em que tomam parte meninos de 12 a 15 annos. No ultimo anno 445 alumnos foram submetidos a exame sendo 397 approvados. Grenoble acaba de seguir o exemplo de Lille. Em Dezembro ultimo abriram-se nessa cidade cursos de Esperanto em diversas escolas elementares e superiores, nos quaes inscreveram-se mais de 600 alumnos. A importante casa Lafon de artigos de pelles, publicou um catalogo em Esperanto e aceita essa lingua em sua correspondencia.

BELGICA. — Continuam os preparativos para o 7· Congresso que terá lugar em Antuerpia, de 20 a 27 de Agosto. Em 21 de Dezembro já se achavam inscriptos mais de 300 congressistas. O chefe de policia dessa cidade mostrou aos officiaes e policiaes o desejo de que elles tomassem parte no curso do Snr. Van der Brist Andelholf. Immediatamente 14 officiaes e 116 policiaes inscreveram-se no curso! –Já appareceo o drama Kaatje que será representado por occasião do 7· Congresso.

HOLLANDA.—Os esperantistas catholicos hollandezes que formão sob o nome de "Nederlanda Katoliko" uma sociedade já poderosa, pois conta cérca de 1000 membros, celebraram em fins de 1910, em Haya, sua primeira reunião annual, na qual tomaram parte 250 pessoas. O abbade Richardson pregou em esperanto sobre a unidade da Egreja e mostrou o importante papel dessa lingua para a união verdadeira de todos os catholicos.— A exposição arranjada pela Laborista Societo Esperantista de Amsterdam foi visitada por mais de 600 pessoas. 70 alumnos inscreveram-se nos novos cursos abertos nessa cidade.—O director do grande Instituto para rapazes de Haya introduzio o esperanto nos programmas de ensino como materia facultativa.

ALLEMANHA.—Appareceo em Dresden uma nova revista denominada "Internacia Medicino" orgão official da Tutmonda Esperanta Kuracista Associo "Teka", a qual será destribuida gratuitamente aos socios dessa sociedade, cuja contribuição annual é de 2 Spesmilos—Os policiaes esperantistas de Chemnitz obtiveram permissão para trazer em seu uniforme a estrella verde.—Gabelsberger é o nome da gazeta editada em Esperanto pela Liga Stenographica Internacional de igual nome, cuja séde é em Dresden.— O "Germana Esperanto Gazeto" annuncia a seus leitores que a partir de Janeiro apparecerá semanalmente.

BOHEMIA.—O segundo Congresso dos Esperantistas Bohemios teve lugar em Praga nos dias 24 e 25 de Setembro ultimo e foi uma nova manifestação de que a propaganda do Esperanto nesse paiz assenta em bazes solidas.

ITALIA.— Accentua-se a propaganda nesse paiz. No norte prepara-se um congresso, que se realisará em Abril na cidade de Genova.—Os jornaes " Il Laboro " e "Vita Internacionale "declararam-se francamente favoraveis ao movimento.—Em Palermo appareceo o " Itala Esperantisto".

RUSSIA ASIATICA.—A cidade de Tifles tornou-se um importante centro esperantista.—A revista *Kaŭkaza Esperantisto*, que apparece quinzenalmente publica novellas e legendas traduzidas da lingua armenia e nos dá idea dessa litteratura oriental, que sem o Esperanto nos seria totalmente desconhecida.—Funccionam cursos em Tomsk e Vladivostok.

PORTUGAL.—Vemos com satisfação que o movimento em favor do Esperanto cresce nesse paiz. Por occasião do anniversario do Dr. Zamenhof realisou o Lisaboua Esperantista Grupo uma esplendida festa.—A 14 de Dezembro um esperantista egypcio, Snr. Raphael Naklé, fez em Lisboa uma conferencia mostrando os progressos do Esperanto na Europa e sua utilidade para os viajantes.—O professor Accacio Lobo acaba de fazer editar no Porto uma grammatica pratica de Esperanto.

HESPANHA.— Fundou-se em Sabadell uma sociedade catholica esperantista denominada "Katolika Stelo" para a propaganda da lingua internacional entre os catholicos.—Com permissão do Ministro da Guerra fundou o Capitão Perogordo em Madrid a Associação Hespanhola dos Militares Esperantistas, cujo presidente honorario é S. M. Affonso XIII.

TURQUIA ASIATICA.—O principado de Samos tornou obrigatorio o ensino do Esperanto em todas as escolas da ilha.—Por decreto de 8 de Outubro foi sanccionada pelo principe Kopassis a lei votada pela Assembléa Geral. Eis uma bella victoria e um exemplo para os governos dos demais paizes.—Em Aidin um professor ensinou com grande successo a lingua franceza por meio do Esperanto. Os alumnos estudaram este idioma em algumas semanas suppondo ser o portuguez!

INDIA.— Fundaram-se novos grupos em Quilon, Tiruvalla e Trivandrum.— Os professores Umvalla e Sorabji ensinam Esperanto no Collegio Central de Benares.— A revista *Theosophy in India* chama a attenção de seus leitores para a Teozofa Esperantista Ligo.

EGYPTO.— De 20 a 25 de Fevereiro do corrente anno realisar-se-ha em Cairo o 5· Congresso Internacional dos Cegos sob a protecção do Khediva do Egypto.— Entre os 8 themas a serem nelle discutidos figura o seguinte: — " O Esperanto é util para os cegos ? ".— Em Kartoum ha um curso especial para os syrios.

ESTADOS UNIDOS.— Brevemente serão abertos novos cursos em varias cidades da Colonia do Sul.—O reitor da Universidade Pittsburg deo permissão para que o estudo do Esperanto fosse introduzido no Instituto.

ILHA DE CUBA. Na relação das theses que serão discutidas no 1· Congresso Nacional Pedagogico, que brevemente terá lugar em Havana, figura um sobre " O esperanto sob o ponto de vista pedagogico".

MEXICO.—Seguindo o exemplo do seu collega francez, o Touring-Club Mexicano mostra-se disposto a secundar os esperantistas do Mexico.— No numero de Junho de sua revista illustrada vem um excellente artigo de propaganda e sua redacção faz conhecer que uma Secção especial de Esperanto foi creada na Sociedade e confiada ao fervoroso esperantista Don Anselmo Morim A' illustre redacção da "Revista del Touring Club Mexicano" agradecemos os numeros dessa excellente revista que nos tem chegado ás mãos.

COLOMBIA.— " La Idealo " é o nome de um novo jornal que appareceo em Cucuta e cuja divisa é: *Ni laboru por ĉio granda kaj nobla.*

CHILE.— Por occasião das festas do centenario da independencia realisaram os esperantistas chilenos o seu 1· Congresso.—Os esperantistas brasileiros enviaram a seus *samideanos* chilenos um telegramma de felicitações.

Teve grande exito o referido congresso sendo muito visitada a exposição esperantista, que durou até o fim do anno.—Graças aos esforços do Snr. Cojano, vice-presidente da Ĉila Asocio, fundou-se em Santiago o " Esperanto Ekskursa Societo", cujo fim é proporcionar excursões a seus socios.

AUSTRALIA.— Fundou-se um novo grupo em Coolgardie denominado "Stelo de Maro".

*A. C. F.*

## BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas:

*Unuaj agordoj...* Poezioj de Wiktor Elski kaj Eska. Nova Esperanta Biblioteko.—N. 3. Librejo Stanislau Miszewski. Lódz (Polujo). Prezo. 20 sd.

*Sub la Meznokta Suno*. Tradukaĵoj kaj Originalaĵoj el la Sveda lingvo de Lehman Wandell. Ilustrita de la tradukinto. Ĉe American Esperantist Company, 700 East 40th strato, Chicago. U. S. A. Prezo-broŝure--Sm 0,70. bindita-Sm 1.20.

*La Litadmonoj de Sinjorino Kodel*, de Douglas Jerrold. Tradukis Jaures Robbie, aŭtoro de «The Esperanto Home-Student» kaj «Gvidlibreto de Edinburgo.» Unua serio. Prezo, 4 Sd. Esperanta Presejo de Leith, 23 Laurie Streete, Leith, Skotland.

*Bulgaraj Rakontoj* de Ivan Minĉev Vazov' Tradukis At. D. Atanasov. El Esperanta Biblioteko Internacia (N. 13.) Prezo 0,10 Sm. Esperanto Verlag Möller Borel. Lindenstrasse 18|19. Berlin. Germanujo.

*La Idilio ĉe la Fonto* de Venchieredo, tradukita de A. Tellini. El « La Memoraĵoj de Okdekjarulo » de Ipolito Nievo. Prezo 0,25 Sm. Ĉe la Esperanto-Oficejo, Vallescura 11, Bologna. Italujo.

*Esperantaj Presliteroj* Ekstrakto el la specimenaro « fremdaj presliteroj». Ĉe Deberney & Cie. 51, rue d'Wandevill, Paris.

*La question de la langue auxiliaire internationale*, par Gustave Gautherot, D° de beletristiko, Prof. ĉe la memstaraj Fakultatoj de Paris. Antaŭparolo de vicadmiralo «Bayle», 1 vol in-16, 314 paĝa. *Librejo Hachette et Cie.* prezo, Fr. 3,50. Jen estas gravega libro, kiun ĉiu propagandisto devas posedi.

*Por koleriĝi*, Traduketoj de Luensecua, Ĉilia esperantisto. Imprenta Internacional. Mexico.

*Teoria Ekzameno de la lingvo Esperanto* kun fonetica internacia alfabeto, sistemo Antido n. 2. Gramatiko. ekzercaro kaj krestomatio. Prezo. Sm 1.00. Librejo Kündig, Corraterie, 11, Geneve-Svisujo.

*La Batalo de l' Vivo*. Originalo verko de Charles Dickens. Tradukis el Germana traduko D-ro L. L. Zamenhof. Prezo Fr. 1,25. Librejo Hachette kaj K° 79, Boulevard St. Germain, Paris.

*Resumo de la Teorio de Antido* kun lingva kritikoj kaj klarigoj de konataj Esperantistoj kaj Idistoj. Prezo. Sm. 0,20. Universala librejo, 10, rue de la Bourse. Genève. Svisujo.

## KORESPONDADO

Deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj:

S-ro H. B. Voigt—Hallischestr. 109. Leipzig —Gohlis. Germanujo.

S-ro Ios Ramisch, Nixdorf 142. Bohemujo Austrio.

S-ro Stefan Ientsch, Nixdorf 206 Bohemujo. —Austrio.

S-ro José Lopez del Castillo—207, Léon XIII Tondo. Manilla I. Philippinas.

S-ro Josef Slivka.—Ĉ. Budĕjovice—Linecka 79.—Bohemujo—Austrio.

Fino Magda Duaso—Progreso 4—Barcelona —Hispanujo.

S-ro Jacos av Brezka.—Boskovice (place 9)—Moravio—Austrio.

S-ro Gabriel Sarazin — Lapalisse Allier. Francujo.

S-ro Carlos Velloso.—Rua Sete Setembro n. 163. Rio de Janeiro—Brazilio.

S-ro João Freire de Andrade.—Rua da Quitanda, 47.—Rio de Janeiro—Brazilio.

## TARIFO POR ANONCOJ

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1 | Paĝo | Sm. | 16 | 20$000 |
| 1\|2 | « | « | 9,6 | 12$000 |
| 1\|4 | « | « | 5,6 | 7$000 |
| 1\|6 | « | » | 4 | 5$000 |

Por 2 foja anoncado rabato da 10 o|o
Por 3 « « « « 15 o|o
Por 6 « « « « 25 o|o